der esperantist

Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund

7. Jahrgang Nr. 46 März–April 1971 30 Pf

# *Heinrich Mann*

## *1871—1971*

La okazigoj de jubileoj estas montriloj pri tio, kiel sin rilatigas ŝtato al la historio kaj la kulturaj tradicioj de l'propra popolo kaj de la mondo. Evidentiĝas la tradicioj. Kun kiuj tradicioj interrilatas la 100-a datreveno de l'naskigo de la fama germana romanverkisto Heinrich Mann, kiun GDR omaĝis la 27-an de marto ĉijare? Ĉu kun la spekulacia regnofondo en la spegula salono de Versailles antaŭ 100 jaroj? Certe ne!



Heinrich Mann ja estis la plej akra kritikanto de tiu imperiestra militarista Germanio, kies fondo en 1871 estis ĉijare festata kun granda bruo en la alia germana ŝtato. Heinrich Mann naskiĝis la 27-an de marto 1871 kaj sendube estas la plej granda germana romanverkisto. Neniu germana verkisto tiel observis kaj antaŭsentis la evoluon de l'regato germana, dresita de la prusa militarismo, al la faŝista subulo. En siaj romanoj, rolantaj en la imperiestra Germanio kaj la Weimara Respubliko[1]) (1918-1933) li senkompate montris la defektojn de la burĝa sociordo, senmaskigis la reakcian burĝaron forŝirante la hipokritan maskon de sur ties vizaĝoj.

Liaj verkoj hodiaŭ estas firma trezoro de la monda literaturo.

Speciale per la romanoj „La regato" („Der Untertan"), „Profesoro Unrat" kaj la aliaj kontraŭvilhelmaj verkoj (regis ĝis 1918 la imperiestro Wilhelm la II-a)[2]) Heinrich Mann kreis klasikajn ekzemplojn por tio, kiel

---

[1]) elp. vajmar
[2]) elp. vilhelm

verkisto efike kritikas kun akra satiro la malkaŝajn malbonojn de la epoko, tiel iĝante granda avertanto de sia popolo. La romano „Profesoro Unrat" skurĝas kun densigita satiro la vilhelman klerigan sistemon kaj la satan germanan etburĝaron de la jarcenta ŝanĝo. Lia majstroverko certe estas „La regato". Ĝis la nuntempo ĝi estas grava armilo en la batalo kontraŭ restaĵoj de la prusamilitarisma kaj nazia ideologio en partoj de la germana popolo.

Kun brile uzitaj rimedoj kiel ironia satiro, karikaturo kaj grotesko Heinrich Mann priskribas la vivvojon de tipa vilhelmtempa regato (Dro Diederich Heßling) en ties persono skurĝante la tutan malspiritan naciisman kaj arogan burĝaron kun sia danĝera fanatikeco. En sia fama eseco „Zola" li kritikegas la germanan militarismon kaj profetas ties pereon.

Inter la verkoj, bruligitaj de la faŝistoj la 10-an de majo 1933, kompreneble, ankaŭ troviĝis tiuj de Heinrich Mann.

„Estas necese, ke humanistoj batalemu kaj ekluktu, se malamikaj potencoj volas bremsi la destinon de la homo" li dirigas sian romanheroon Henrikan la IV-a („La junaĝo kaj plenumiĝo de l'reĝo Henriko la IV-a", romano). Laŭ tiu maksimo agis Heinrich Mann. Li partoprenis en la batalo kontraŭfaŝisma, iĝis 1934 prezidanto de la PEN-centro de elmigrintaj germanaj verkistoj, partoprenis la Internacian Verkistokongreson por la Defendo de la Kulturo, 1935 en Parizo, kaj iĝis 1936 prezidanto de l'aktivularo por preparo de germana popola fronto en Parizo.

Trans Francio, Hispanio kaj Portugalio li elmigris 1940 al USONO. Tuj post la disbato de la germana faŝismo la verko de Heinrich Mann ludis gravan rolon ĉe la spirita demokratiigo de Germanio.

Ĝis hodiaŭ „La regato" estas legata kaj pritrakata en ĉiu lernejo de GDR.

Pri la novfondita Germana Demokratia Respubliko li esprimas sin en la eseo „realigita ideo".

„Stato, kiu ne plu ekzistas kontraŭ sed por la homo kaj ties feliĉo, ne bezonas kaj ne meritas atakon. Ĝi speciale por verkistoj kiel pensuloj kaj publike efikantoj personoj, ne estas damaĝo sed vera beno."

En 1950 Heinrich Mann akceptis la enoficigon kiel unuan prezidanton de la Germana Akademio de Artoj en Berlin, sed ne plu povis realigi la transsetliĝon de Los Angeles al Berlin. Li mortis la 12-an de marto 1950. D. B.

---

**Komunikaĵo pri la konferenco de reprezentantoj de esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj en Berlin.**

**Laŭ la invito de la Germana Kulturligo de 25-a ĝis 29-a marto 1971, GDR, okazis konsulta Konferenco de reprezentantoj de esperanto-organizaĵoj en eŭropaj socialismaj landoj: Popola Respubliko Bulgario, Ĉeĥoslovaka Socialisma Respubliko, Germana Demokratia Respubliko, Hungara Popola Respubliko, Pola Respubliko kaj Soveta Unio.**

**En la Konferenco oni priparolis demandojn pri profundigo de la kunlaboro inter la esperanto-organizaĵoj de la socialismaj landoj. Oni traktis ĉefe pli larĝan uzadon de la internacia lingvo Esperanto kiel taŭga instrumento ankaŭ por la kontribuo al plia frata kunagado de siaj respektivaj popoloj en la politika, socia kaj kultura sferoj. La partoprenintoj diskutis la taskojn de la esperantistaro en la pacbatalo lige kun kun-**

# El “La Regato“

*Jen estas granda tago. La imperiestro sin montras al la popolo. Kaj Diedrich estas inter la homoj. Historia evento... Preskaŭ kiel Sedan.*

Junulo kun artista ĉapelo iris apud Diederich, li diris: Tion ni konas. Napoleono en Moskvo, miksante sin inter la loĝantaro.
„Sed tio ja estas grandioza!“ asertis Diederich, kaj la voĉo ne obeis al li. La alia levis la ŝultrojn.
„Teatro, kaj eĉ ne bona.“
Diederich lin rigardis, li provis fulmokuli kiel la imperiestro.
„Do ankaŭ vi estis tia.“
Li ne estus povinta diri, kia. Li nur sentis, ke ĉi tie, la unuan fojon en la vivo, li devas defendi la bonan aferon kontraŭ malamikaj kritikaĉoj. Malgraŭ sia eksciteco li ankoraŭ rigardis la ŝultrojn de la homo: ili ne estis larĝaj. Krome la ĉirkaŭstarantoj esprimiĝis malaprobe. Do Diederich ekagis. Per lia ventro li premis la malamikon kontraŭ la muro kaj batis sur la artistan ĉapelon. Aliaj ankaŭ pugnopuŝis. La ĉapelo jam kuŝis sur la tero kaj baldaŭ ankaŭ la homo. Pluirante Diederich rimarkis al siaj kunbatalantoj:
„Tiu certe ne soldatservis! Skermcikatrojn li ankaŭ ne havas!“
La oldulo kun vangobarboj kaj Fera Kruco denove montriĝis. Li premis la manon de Diederich.
„Brave, junulo, brave!“
„Ĉu oni ne koleriĝu pro tiaĵo?“ diris Diederich, ankoraŭ spiregante. „Ke tiu homo volas naŭzigi al ni la historian momenton?“
„Ĉu vi soldatservis?“ demandis la oldulo.
„Mi pleje ŝatus daŭrigi tiun servon por ĉiam.“
„Nu ja, Sedan ne okazas ĉiutage“ — la oldulo tuŝetis sur sian Feran Krucon. „Tio estis n i ! “
Diederich rektiĝis, li montris al la subigita popolo kaj al la imperiestro.
„Tio ja estas samvalora al Sedan!“
„Nu jes“, diris la oldulo.
„Permesu, tre estimata sinjoro“, iu kriis, svingante sian notlibron. „Ni devas tion publici. Bildon pri animstato, ĉu vi komprenas? Vi draŝis ruĝulon, ĉu ne?“
„Bagatelo“ — Diederich ankoraŭ plu spiregis. „Laŭ mi la batalo kontraŭ la interna malamiko povus tuj komenci. Nian imperiestron ni ja kunhavas.“
„Bonege“, diris la reportero kaj skribis: „En la amaso sovaĝe moviĝanta oni aŭdis homojn el ĉiuj tavoloj esprimi la plej fidelan sindonemon kaj neskueblan fidon al la Plej Supera Persono.“ (Fortsetzung auf Seite 4)

---

(Fortsetzung von Seite 2)
**laborado de neesperantistaj pacmovadoj pri pli intensa uzo de la internacia lingvo por objektiva prezento de siaj landoj al la ekstera mondo en la intereso de interkompreniĝado de ĉiuj popoloj sendiference de ilia socia ordo.**
**Dum la Konferenckunsidoj estas prezentitaj referatoj pri sciencaj problemoj de la internacia planlingvo.**

„Hura!“ kriis Diederich, ĉar ĉiuj kriis tion; kaj meze de potenca krianta hompuŝo li subite atingis ĝis sub la Brandenburga-a Pordego, tra kiu, du paŝojn antaŭ li, la imperiestro rajdis. Diederich povis rigardi en lian vizaĝon, en la ŝtonecan seriozecon kaj la fulmokuladon; sed antaŭ liaj okuloj malklariĝis, tiom li kriis. Ebrio, pli alta kaj pli superba ol tiu havigita per biero, lin levis sur la piedpintojn, lin portis tra la aero. Li svingis la ĉapelon alte super ĉiuj kapoj, en sfero de entuziasma furiozo, tra ĉielo, kie cirkulas niaj plej ekstremaj sentoj. Tie sur la ĉevalo, sub la pordego de la triumfaj enmarŝoj kaj kun trajtoj ŝtonecaj kaj fulmetantaj rajdis la potenco! La potenco, kiu pasas trans ni kaj kies hufojn ni kisas! Kiu pasas trans malsato, spito kaj moko! Kontraŭ kiu ni nenion kapablas, ĉar ni ĝin amas! Kiun ni havas en la sango, ĉar ni havas la subiĝon en la sango! Atomo ni estas de ĝi, malgrandega molekulo de io, kion ĝi sputis! Ĉiu unuopa estas neniaĵo, sed en formita amasoj, kiel novteŭtonoj, kiel militistaro, oficistaro, eklezio kaj sciencularo, kiel ekonomia organizo kaj potencasocio, ni konuse supreniras, ĝis tie, kie staras la potenco mem, ŝtoneca kaj fulmokulanta! Vivi en ĝi, partopreni en ĝi, senidulgaj kontraŭ tiuj, kiuj estas pli malproksimaj de ĝi, kaj triumfantaj, eĉ kiam ĝi frakasas nin: ĉar tiel ĝi pravigas nian amon!

... Unu el la policistoj, kiuj, forminte ĉenon, baris la pordegon, puŝis kontraŭ la brusto de Diederich, ke al tiu haltis la spiro; sed liaj okuloj estis plenaj de triumfa ekstazo, kvazaŭ li mem rajdus trans ĉiuj tiuj mizeruloj, kiuj, briditaj, englutis sian malsaton. Sekvu lin! Sekvu la imperiestron! Ĉiuj sentis kiel Diederich. Unu ĉeno da policistoj estis tro malforta kontraŭ tiom da sento; oni ĝin trarompis. Transe staris alia ĉeno. Necesis deturniĝi, atingi la Bestĝardenon laŭ nerektaj vojoj, trovi la traglitejon. Malmultaj ĝin trovis; Diederich estis sola, kiam li elĵetis sin sur la rajdvojon, renkontis al la imperiestro, kiu ankaŭ estis sola. Homo en danĝera stato de fanatikeco, malpurigita, ĉifonita, kun okuloj kvazaŭ sovaĝulo: la imperiestro, de sur la ĉevalo, alfulmokulis lin, li traboris lin. Diederich deŝiris la ĉapelon, lia buŝo estis vaste malfermita, sed la krio ne venis. Ĉar li haltis tro subite, li glitfalis kaj fortege sidiĝis en flako, kun la kruroj ĉielen, ĉirkaŭŝprucita de kota akvo. Jen la imperiestro ridis. Tiu homo ja estis monarkisto, fidela regato! La imperiestro turnis sin al sia eskorto, sin batis sur la femuron kaj ridis. Diederich el sia flako rigardis post li, kun buŝo ankoraŭ malfermita.

*Trad. Dr. Karl Schulze, Berlin*

---

**Studu kaj konkludu**

**Por bone plenumi la taskojn esprimataj en la komunikaĵo (paĝo 2) pri la konferenco de esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj en Berlin, por ĉiuj esperanto-amikoj estas grava studi la decidojn de la 24a Partikonferenco de la KPdeSU kaj de la 8a Partikonferenco de SED. Do nepre studu kaj konkludu.**

**Famuloj kaj iliaj strangaĵoj**

FRANKLIN — dum la laboro havis ĉiam ĉe si panon kun fromaĝo „por laŭ lia diro — kompletigi la mensan perdon“.

DICKENS — opiniis, ke trinkado de varma akvo helpas verki.

LISZT — post malsukcesa romanco kuŝis dum unu jaro en la lito kun neniu interparolante.

BRAHMS — opiniis, ke la plej bonaj muzikaj konceptoj alvenas dum purigado de ŝuoj.

LEONARDO DA VINCI — scipovis pasigi tutajn horojn en hospitalo observante la agonion de mortantoj.

# Tradicioj

Klarigu — kiajn tradiciojn via asocio sekvas kaj mi prijuĝas ĝian ideologian karakteron. Jen — vario de la konata proverbo. Centra Laborrondo Esperanto de GDR, kiu fakte laboras kiel asocio, tuj ek de ĝia fondiĝo starigis al si la demandon, kiujn tradiciojn de la germana Esperantomovado sekvi? Ĉu tiujn de G E A? Por ŝtato, kiu konstruas la socialismon, nur povas ekzisti la tradicilinio de la revoluciaj kaj progresemaj laboristoj. Por ĉiuj sferoj de la socio, kaj la esperantomovado ja ne ekzistas en iu vakuo. Do estas tute nature, ke CLR baziĝas en sia laboro je la tradicioj de GLEA, speciale el ties lasta periodo (1930—1933). En ĉi-tiu jaro 25-a jubileo de la unuiĝo de KPD kaj SPD en la iama Orienta Germanio estis digna kaŭzo por CLR en granda bone preparita kunsido (20./21. 2. 1971) pritrakti iom pli profunde tiujn por ni tre aktualajn tradiciojn. Krom la membroj de CLR ankaŭ partoprenis la kunsidon 22 veteranoj de GLEA.

En ampleksa referato la prezidanto de CLR, *Rudi Graetz*, pritraktis la du tradiciliniojn: *„Instruoj el la historio — duonjarcento progresivaj kaj reakciaj tradicioj de Germana esperanto-movado kaj konkludoj aktualaj.“*



Iĝis evidente, ke la socia determinigo de la esperantomovado leĝece kondukis al elformiĝo de la klasaj kontraŭdiroj — ĉu subjektive sentite aŭ ne — ankaŭ en la esperanto-movado. La proletara movado evoluis al klaskonscia batalorganizo, kiu tial ankaŭ logike estis malpermesita 1933 de la faŝistoj. GEA pro sia pseŭda neŭtralismo, subtenis propagande la unuan mondmilitom, pretigis la grundon por elkresko de groteska „Nova Germana Esperanto-Movado“ (pure faŝisma) lasis sin „samŝalti“ kaj finfine ankaŭ estis malpermesita 1936, damaĝinte pro sia kompromisemo al la reputacio de la tuta germana esperanto-movado. Kaj ankaŭ hodiaŭ multo denove diferencigas GEA kaj CLR. Klaran agadon por batalanta Vjetnamio, por eŭropa sekureco, kontraŭ la imperiismo faras CLR sed ne GEA.

La referaton sekvis viglega diskuto, kiun partoprenis 20 ligoamikoj. Dro Hans Maur, kunlaboranto de la Muzeo por Germana Historio, skizis en scienca referato „Kondiĉojn kaj metodojn de la esplorado de loka laborist-movada historio“. (La kontribuon ni resumos sekvontkajere).

Je la fino de la dutaga kunveno estis montrita la bonega soveta kolorfilmo „La tero, kion mi amas“ kaj la kortuŝa „Sub la ombro de Hiroŝimo“, filmo el Japanio en Esperanto.
La kunveno estos idegvida por la plua esplorado de la tradicioj de GLEA. Ni plue raportas en nro 47 de nia organo.

Lehren aus der Geschichte — ein halbes Jahrhundert progressiver und reaktionärer Traditionen der deutschen Esperanto-Bewegung und ihre Schlußfolgerungen für heute.

*Auszüge aus dem Referat von Rudi Graetz*

„... Die Tätigkeit der Esperantofreunde der DDR im DKB ist fest gegründet auf den fortschrittlichen Traditionen der deutschen Arbeiter-Esperanto-Bewegung. Diese Traditionen waren inhaltlich identisch mit den Zielen der fortschrittlichsten Kräfte der deutschen Arbeiterbewegung, die in der KPD und zum Teil in der SPD organisiert waren und sich am 21. April 1946 zur SED vereinigten.

Um die Lehren aus der Geschichte der deutschen Arbeiter-Bewegung schöpferisch in der Arbeit der Esperantogruppen des DKB anwenden und eine vielseitige, politisch wirksame und interessante Arbeit leisten zu können, ist es notwendig, die zwei einander entgegengesetzten Traditionen in der deutschen Esperanto-Bewegung wertend gegenüberzustellen:

— die revolutionäre Deutsche Arbeiter-Esperanto-Bewegung (AEB oder GLEA)

— die neutralistische bürgerliche Esperantobewegung, organisiert im Deutschen Esperanto-Bund (DEB oder GEA) ...".

Bundesfreund Graetz gab dann eine Wertung des humanistischen Anliegens Dr. Zamenhofs, des Begründers des Esperanto:

„... Dr. Zamenhof verfolgte mit der Schaffung der internationalen Sprache humanistische Ziele.

Jedoch konnte er auf Grund seiner kleinbürgerlichen Umwelt die gesellschaftliche Entwicklung und die damit verbundene Klassenfrage nicht begreifen. Er mußte daher zu einer unrichtigen philosophischen Einschätzung der gesellschaftlichen Triebkräfte kommen. In Unkenntnis der wahren, die Gesellschaft verändernden Kräfte, kam er zu utopischen und pazifistischen Auffassungen und übertrug dem Esperanto fälschlicherweise eine gesellschaftsverändernde Funktion. Damit schuf er die Grundlage für die pazifistisch-neutralistische ideologische Haltung breiter Kreise der internationalen Esperanto-Bewegung. Wir können aber nachweisen, daß Dr. Zamenhof von einem tiefen humanistischen Anliegen geleitet war und daß er sich oft für den menschlichen Fortschritt engagierte...

Wir wissen, daß Zamenhofs humanistisches Anliegen erst unter den Bedingungen der sozialistischen Gesellschaftsordnung verwirklicht werden kann. Wir kennen die wahren Ursachen der gesellschaftlichen Entwicklung.

In Kenntnis der historischen Gesetzmäßigkeiten und der Geschichte der Esperantobewegung können wir feststellen:

*Die internationale und nationale Esperanto-Bewegung, sowohl in Vergangenheit als auch in Gegenwart, spiegelt die realen gesellschaftlichen Kräfte und politischen Grundideen der jeweiligen historischen Epoche wider. Esperanto als Sprache ist s e l b s t keine Ideologie, es dient aber den jeweiligen ideologischen Zielen der Sprecher. Somit vertritt jeder Esperantist eine konkrete Ideologie. Die verschiedenen gesellschaftlichen Kräfte haben das Esperanto, ob es den Esperantisten immer bewußt war oder nicht, jeweils für ihre Klassenziele eingesetzt....“*

Im weiteren Verlauf seiner Darlegungen skizzierte der Referent die Anfänge der deutschen Arbeiter-Esperantobewegung vor dem 1. Weltkrieg:

„... Der drei Jahre später beginnende erste Weltkrieg zerstörte dann die erfolgversprechende Arbeit der deutschen Arbeiter-Esperanto-Bewegung mit einem Schlag. Viele Esperantisten wurden sofort an die Front geschickt, und nur wenige kamen von dort zurück.

Dagegen stellten sich bürgerliche Esperantisten in der Heimat leider sofort in den Dienst des imperialistischen Krieges.

So unterstützte der DEB den Imperialismus durch Herausgabe von Zeitschriften und Broschüren.
Ich zitiere aus Dr. Steche „Die Bedeutung der Welthilfssprache Esperanto für das deutsche Volk in Krieg und Frieden", Seite 21:

‚Aufdringliche und oft ungeschickte Aufklärung schadet uns im Auslande; viel wirksamer ist es, wenn die deutschen Siege kurz und bündig in auffallenden Propagandablättern auf möglichst vielen Wegen in alle Welt hinausgetragen werden. Das entspricht am besten Deutschlands Zwecken und seiner Würde. Auf Grund dieser Erwägungen senden die Leipziger Esperantisten seit Mitte August 1914 die amtlichen Extrablätter in die Weltsprache übersetzt und auf knallgelbes Papier gedruckt, jedes Blatt in 2000 Abzügen, an die Vertreter des Esperanto-Weltbundes, und die Dresdener Freunde verbreiten die Übersetzungen des deutschen Weißbuches und der übrigen wichtigen amtlichen Kundgebungen. Besonderes Interesse in neutralen Ländern begegnet das von deutschen Esperantisten herausgegebene „Internacia Bulteno", eine illustrierte Halbmonatsschrift in Esperanto. Jede Nummer enthält eine große Anzahl von Illustrationen und wortgetreue Übersetzungen wichtiger amtlicher Schriftstücke, so daß sie über unsere militärische und wirtschaftliche Lage draußen in hohem Maße aufklärend wirkt.'

Bürgerliche Esperantisten unterstützten damit die imperialistischen Interessen der in Deutschland herrschenden Klassen und verrieten die Ziele des Esperanto. Auch in Frankreich wurden ähnliche Aktionen von dortigen Esperantisten organisiert.

Die Arbeiter-Esperantisten hatten keine Möglichkeit, mit Esperanto ihren Klasseninteressen zu dienen. Sie wurden in den Krieg geschickt..."

1921 wurde eine internationale Esperanto-Vereinigung, die SAT, gegründet.
„... Die Gründung der SAT entsprach dem internationalen und auch dem persönlichen Bedürfnis der proletarischen Esperantisten, das Esperanto eindeutig für die Ziele des Klassenkampfes einzusetzen. Zwar waren die Führungskräfte der SAT revisionistisch und anarchistisch, jedoch die proletarischen Mitglieder der SAT waren ehrliche Arbeiter, darunter auch viele Sozialdemokraten, die irre geführt waren..."

Das Bestehen einer genügend starken klassenkämpferischen, nicht neutralen Esperanto-Organisation neben der bürgerlichen zeigt, daß Esperanto sich zu einer lebenden Sprache entwickelt hatte, die schon stark in der Gesellschaft verwurzelt war. Es war nicht mehr möglich, diese Sprache von den gesellschaftlichen Entwicklungsgesetzen zu isolieren...

... Infolge des recht starken Einflusses kommunistischer Kräfte, besonders aus der SU, aber auch aus Deutschland, konnte der utopisch-kleinbürgerliche und anarchistische Einfluß Lantis und anderer Kräfte Anfang der 20er Jahre in der SAT vorerst (d. h. bis 1927/28) zurückgedrängt werden.
Von vielen ehrlich bemühten proletarischen Mitgliedern der SAT konnte das wirkliche ideologische Profil dieser Organisation nicht klar erkannt werden. Der Einfluß rechter sozialdemokratischer Kräfte spielte hierbei eine große Rolle..."

Viele klassenbewußte Arbeiter-Esperantisten waren mit dem kosmopolitisch-utopischen Kurs der SAT nicht einverstanden.

„... Unter Führung besonders sowjetischer und auch deutscher Arbeiter-Esperantisten bildete sich sodann eine starke Opposition gegen die SAT-Führung heraus. Zu ihnen gehörten in Deutschland, Otto Baßler, Walter Kampfrad, Willi Vildebrand, in England: Keable, in der SU: Demidjuk, Drezen, Muravkin, Nekrasov, in Ungarn: Bata....

... Die sich verschärfenden Widersprüche in SAT führten 1931/32 endgültig zur Spaltung in den Landesverbänden, in Deutschland durch rechte SPD-Führer, und zur Gründung der kommunistisch orientierten „Internationale Proletarischer Esperantisten" (IPE). Mit der IPE identifizierten sich die klassenbewußtesten Arbeiter-Esperantisten mit den Zielen der kommunistischen Arbeiterbewegung....

... Das Ziel der IPE war es u. a., die proletarischen Esperanto-Organisationen und Esperantisten auf der Basis des dialektischen Materialismus und des proletarischen Internationalismus zusammenzuschließen, zu organisieren und zu leiten.

Der Vorstand dieser revolutionären internationalen Organisation bestand zum größten Teil aus Berliner Kommunisten. Stärkster Landesverband war die sowjetische Esperanto-Organisation SEU. Ihr folgte der AEB. IPE wählte zum offiziellen Organ „Internaciisto" und zum Verlag EKRELO (Verlagsgesellschaft für revolutionäre Esperantoliteratur).

Beide waren 1930 von der sowjetischen Esperanto-Union gegründet worden und hatten ihren Verlagsort bis 1933 in Deutschland.

IPE wurde auf internationaler Ebene schnell zur stärksten und tatkräftigsten Vereinigung der Arbeiter-Esperantisten. Die meisten Mitglieder waren Angehörige der KP, die die Beschlüsse ihrer Parteien auch in der IPE durchsetzten.

Mit der Gründung der IPE, einer internationalen kommunistischen Organisation der proletarischen Esperantisten, in der deutsche Esperantisten einen bedeutenden Anteil hatten, war auch der AEB zu einer klassenbewußten und revolutionären Organisation geworden. Im AEB wurden nun keine reformistischen Tendenzen mehr geduldet; zielstrebig entwikkelte er sich bis zur Zerschlagung durch die Nazis im Jahre 1933. Erst die faschistische Diktatur vermochte mit ihrem blutigen Terror die Arbeiter-Esperanto-Bewegung zu vernichten..."

---

**„Soveta Estonio"**

Sub tiu ĉi titolo aperis en la eldonejo „Eesti Raamat" Tallinn 1970 informiga kajero pri la soveta respubliko unia Estonio. La kajero (13×18) estas riĉilustrita per kolorfotoj kaj informas sur 42 paĝoj esence pri la plej gravaj faktoj de tiu ĉi plej malgranda ŝtato de Soveta Unio. La informo inkluzivas geografia kaj pasinteca karakterizoj, loĝantaro, ekonomio kaj klero. Montriĝas ke tiu ĉi peceto da tero, situante ĉe la bordo de la Balta Maro, estas interesa loko por turismo. Akvoriĉo, aro da insuloj, profundaj arbaroj kaŭzas ĝian apartan belecon naturan. Post jarcenta supremo, liberigata per la laborista klaso, nun mem uzante siajn grundajn riĉaĵojn naturajn, apartenante al la popola familio socialisma, la estona popolo kaj lando ekfloris kaj prosperas.

Teksto kaj bildoj de la kajero instigas la leganton persone konatiĝi tiun interesan landon nordan. *Rudolf Hahlbohm*

*Curt Kessler*

## Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto VIII

**Kippe / auf der ... stehen** ŝanceliĝi necerte;
**Kirche / die ... ist aus** la diservo finiĝis; **die ... im Dorfe lassen** lasi la fiŝojn en la akvo; **arm wie eine ...nmaus** malriĉa kiel muso preĝeja; sen groŝo en poŝo; li estas nuda kaj kruda, sen groŝo en poŝo;
**Kirmes / es ist nicht alle Tage ...** ne ĉiam estas Sankta Johano;
**Kirsche / mit ihm ist nicht gut ...n essen** li estas malfacile manipulebla; oni ne povas bone intertrakti kun li;
**Kläger / ohne ... kein Richter** se neniu plendas, neniu defendas;
**Klang / sein Name hat einen guten ...** estas bonreputacia; **ohne Sang und ...** senceremonie;
**klappen / nun kommts zum ...** venis la kriza momento; **die Sache klappt** la afero funkcias; **zwei Fliegen mit einer Klappe** la lupo estas sata, kaj la ŝafo ne tuŝata; kontentigi la katon kaj kune la raton; trafi du celojn per unu ŝtono;
**klappern / ... gehört zum Handwerk** nenia konstruo povas esti sen bruo;
**Klaps / einen ... haben** esti frenezeta; li ricevis muŝon en la cerbon; li perdis la kandelon el la kapo;
**klar / ... kommen mit j—n** akordiĝi kun iu pri; **sich im ...n sein über** vidi klare pri;
**Klee / über den grünen ... loben** entuziasme laŭdi; **ein sauberes ...blatt** bela trio;
**Kleid / ein ... anziehen** surmeti veston; **in Worte ...en** esprimi per vortoj; **...er machen Leute** vesto faras la homon; kia oni vin vidas, tia oni vin taksas; **die ..er wechseln** ŝanĝi la vestojn;
**klein / von ... auf** de infanaĝo; **... anfangen** modeste komenci; **... beigeben** cedi; **im ...en verkaufen** vendi pomalgrande; **über ein ...es** post nelonge; baldaŭ; **bis ins ...ste** detalege;
**kleinlich / ein ...er Mensch** bagatelema homo;
**Klemme / in der ...** en dilemo; en embaraso; senmona; esti inter martelo kaj amboso; esti en klopodoj de l'kapo ĝis piedoj; esti en situacio sen eliro; sidi en amaso da embaraso;
**Klinge / eine gute ... schlagen** lerte skermi; (beim Essen:) brave manĝi; **vor die ... fordern** elvoki al duelo; **über die ... springen lassen** mortigi; buĉi; masakri;
**klingen / die Ohren ... ihm** en liaj oreloj resonas;
**klingeln / es klingelt** oni sonorigas;
**klopfen / auf den Busch ...** sondi iun
**Kloster / ins ... gehen** monaĥ(in)iĝi
**Klotz / auf einen groben ... gehört ein grober Keil** kia sono, tia resono;
**klug / nicht ... werden aus** ne (plene) kompreni ion; ne kompreni la sencon;
**Knall / ... und Fall** sen pluaĵoj; sen ceremonioj; **... auf Fall** per unu fojo (momento); senhezite; sen pluaĵoj; subite kaj neatendite;
**knapp / seine Leute ... halten** malabunde nutri (salajri); teni per fera mano; butonumi malvaste; **mit ...er Not** preskaŭ ne; **sein ...es Auskommen haben** havi apenaŭ por vivi;
**Knie / in die ... gehen** malleviĝi sur la genuoj; cedi; fari paŝon malantaŭen; **etw übers ... brechen** tro rapide decidi aferon;
**Knüppel / j—m ... zwischen die Beine werfen** ĵeti al iu bastonon en la radon; meti al iu trabojn sur la vojon;
**Koffer / die ... packen** plenpaki; pretigi la kofron;
**Kohl / das macht den ... nicht fett** tio ne grasigos la porkon; tio ne donas saŭcon al la rostaĵo;
**Kohle / wie auf ...n sitzen** sidi kiel sur pinglo;
**kommen / j—m nahe ...** proksimiĝi al; intimiĝi kun; **... lassen** venigi; alportigi; sendigi; **... Sie herein!** eniru! **weiter ...** progresi; avanci; **wie es auch .... mag** kio ajn okazos; **neben j—n zu sitzen ...** trovi sidlokon apud iu; **wie ... Sie dazu (darauf)** kio vin igas pensi (fari) tion; **an Ort und Stelle ...** atingi la celitan lokon; **an den Tag ...** elmontriĝi; **an sich ... lassen** lasi veni al si (la aferon); **hart aneinander ...** forte ataki unu la alian; **an j—s Stelle ... (treten)** okupi ies lokon; **unters Auto ....** subaŭtiĝi; **zur Ruhe ...** trankviliĝi; **im ... sein** esti venanta (kreskanta); **zu etw ...** akiri posedaĵon; fariĝi bonhava; **etw ... sehen** antaŭvidi ion; **zu sich ...** rekonsciiĝi; **auf eine Idee ...** ekkapti ideon; **auf die Politik zu sprechen ...** la interparolado turniĝas al; **auf die Kosten ...** trovi kompenson (profiton); **auf die Welt ...** naskiĝi; **nichts auf j—n ... lassen** preni ies partion; defendi iun; gardi ies reputacion; **aus der Fassung ...** konsterniĝi; perdi la sinregadon; **aus der Mode ...** malmoderniĝi; **aus dem Takt ...** erari en la takto; **durch das Examen ... fini** ekzamenon; sukcesi en ekzameno; **durch ein Dorf ...** trapasi vilaĝon; **hinter ein Geheimnis ...** eltrovi (malkovri) sekretaĵon; **in einen Zustand (eine Tätigkeit) ...** ...iĝi; ek...; **in Gang ...** ekfunkcii; **in gute Hände ...** veni al bonaj manoj; **ins Klare ...**

klariĝi; **j—m in die Quere ...** kruci ies vojon (planon, intencon); **in die Schule ...** ekviziti lernejon; **mit der Droschke ...** alveni per droŝko; **mit Ausreden ...** uzi (diri) elturniĝojn; **nach der dritten Klasse ...** avanci al; **um sein Geld ...** perdi; **unter j—s Hände ...** veni inter la manojn de; **zu Gelde ...** akiri monon; **zum Ziele ...** atingi la celon; **zu j—m ...** viziti iun; **zu kurz ...** malprofiti; **zu Kräften ...** (re)fortiĝi (kolekti) fortojn; **zu Schaden ...** ricevi difekton; **zu der Überzeugung ...** konvinkiĝi; **zu Worte ...** ricevi la parolon; **vor j—m dran...** mia vico estas antaŭ vi; **wie komme ich dazu?** kio devigas min al tio?;

**kommt / es ... ihm zustatten, daß** li tiras profiton el tio, ke; **die Adresse ... auf den Umschlag** estas skribenda sur; **das ... mir gerade recht** tio venas en la ĝusta momento; **das ... wie gerufen** kvazaŭ vokita kaj petita; estas tre bonvena; **erst ... ein Dorf, dann ... ein Wäldchen** oni renkontas vilaĝon, poste; **Achtung! Es ... eine Kurve!** atentu! Vojkurbiĝo!; **die Zeitung ... jeden Tag** aperas; **das ... ungelegen** tio (nun) malkonvenas; **das ... davon!** jen la sekvoj!; **dazu ..., daß** krome; **das Buch ... auf acht Mark** kostas; **er ... dran** estas lia vico; **über die Gesundheit ... nichts** nenio superas la sanon; **das ... vom Arbeiten** jen la sekvo de; **vor Dienstag ... Montag** mardon antaŭiras lundo; **wer zuerst ...** kiu pli frue venas, pli bonan lokon prenas;

**können / nichts dafür ...** ne esti prikulpa; **das ... Sie mir glauben** tion vi senhezite kredu; **ich kann nicht umhin, zu** mi ne povos ne; **es kann sein** povas esti; estas eble;

**Konzept / j—n aus dem ... bringen** konfuzi (erarigi) iun;

**Kopf / überspannter ...** ekstravaganculo; **pro ... ein Pfund** por ĉiu persono po unu funto; **nach seinem ...** laŭ lia arbitro; **sich den ... zerbrechen** rompi al si la kapon; cerbumi; **ich werde ihm den ... waschen** mi faros al li bonan lavon; mi faros al li predikon pri moroj; mi ordigos lian kapon; **auf den ... gefallen sein** esti (iom) stulta; esti malspritulo; **etw auf den ... stellen** renversi; **auf seinen ... bestehen** (obstine) persisti ĉe sia opinio; **aus dem ... wissen** parkere scii; **sich etw aus dem ... schlagen** igi sin forgesi ion; rezigni pri io; **sich etw durch den ... gehen lassen** pripensi ion; **im ... behalten** reteni en la kapo; **nicht richtig im ... sein** esti ne tute normalspirita; **was ist ihm in den ... gefahren?** kio venis al li en la kapon?; **in bloßem ...** sen ĉapelo; **was man nicht im ... hat, hat man in den Beinen** kapo pekas, piedoj suferas; cerbo ne pripensas, kruroj ĝin kompensas; **sich etw in den ... setzen** enpremi al si ion en la kapon; **j—n über den ... wachsen** superkreski ion; (fig) emancipiĝi de ies aŭtoritato; **um einen ... größer** je unu kapo pli alta; **j—n vor den ... stoßen** bruski iun; **er will mit dem ... durch die Wand** por lia volo ne ekzistas malmolo; **über meinen ... hinweg** sen demandi min; **...über ...unter** transkapiĝe; **auf den ... der Bevölkerung gerechnet** rilate al la nombro da loĝantoj; **(über den ... wachsen)** trograndiĝi; tropotenciĝi; perdi la regon super; **er ist kein heller ...** li ne estas aglo; li ne eltrovas la pulvon; **den Nagel auf den ... treffen** trafi la kernon de la afero; **ich habe ihm den ... zurechtgesetzt** mi rekondukis lin al la prudento; **er setzt seinen dicken ... auf** li disstarigas la harojn; li stariĝas obstine; li kontraŭstaras per ĉiuj fortoj;

**Korb / j—m einen ... geben** malakcepti ies peton;

**Korn / von altem Schrot und ...** el la malnova speco; **aufs ... nehmen** ekceli al;

**Korps / das diplomatische ...** diplomataro;

**Kost / in der ... sein bei** manĝi ĉe;

**kosten / viel Zeit ...** rabas de mi multan tempon; **Mühe ...** postuli penon; **auf j—s ...** je ies kostoj; **auf seine ...** je lia(j) malprofito (kostoj); **auf seine ... kommen** atingi sian profiton; ricevi ekvivalenton; **keine ... scheuen** ne timi iun elspezojn; **auf die ... kommen** enspezi la elspezojn; **das kostet nichts** tio estas senpaga;

**Krach / mit Ach und ...** pene apenaŭ; **... machen** fari bruon; brue protesti;

**Kraft / in ... sein** esti valida; **mit aller ...** tutforte; **eine erste ...** unuaranga spertulo; **in ... treten** ekvalidiĝi; **in ... setzen** ekvalidigi; **für ...los erklären** deklari malvalida; malvalidigi; **nach Kräften** laŭpove;

**Kragen / beim ... kriegen** preni iun ĉe la kolo; **es geht ihm an den ...** sentiĝas juko en lia nuko; **da platzt einem der ...** eksplodi pro kolero;

**Krähe / eine ... hackt der anderen kein Auge aus** korvo al korvo okulon ne pikas;

**Kralle / sich an...n** alkroĉiĝi al;

**krank / sich ... stellen** ŝajnigi malsanon;

**Kraut / wie ... und Rüben** senorde; kaose; **ins ... schießen** kreskigi tro multe da folioj; **(wie ... und Rüben)** kapo al tere; kaosege; **das macht das ... nicht fett** tio ne grasigos la porkon; tio ne donas saŭcon al la rostaĵo;

**Kreide / mit fünf Mark in der ... stehen** ŝuldi;

**Kreis / seine (weitere) ...e ziehen** havi sekvojn;

**Kreuz / wer das ... hat, segnet sich** estro ne malsatas; ne ekzsistas ofico sen benefico; **sein ... auf sich nehmen** ekporti ĉagrenaĵon; **jeder hat sein ...** ĉiu havas sian vermon; **übers ...** krucige; krucforme; **... und quer** zigzage; ĉiudirekte; **j—m das ... brechen** rompi ies nukon (animon, reziston); **zu ...e kriechen** cedi; humiliĝi;

(Fortsetzung auf Seite 15)

**motiv-o*** Motiv 1. Beweggrund, Triebfeder 2. (art. k. muz.) kleiner charakteristischer Teil **e. Kunstwerkes**
**mov-i*** bewegen, (an-)treiben; **--eblajoj** Mobilien
**moslem-o** Moslem, Mohammedaner
**moviment-o** 1. Zeitmaß 2. (muz.) nach dem ... benannter Teil: **adaĝo, alegro ktp.**
**muar-i** moirieren; **--o** (text.) Moiré
**muel-i*** mahlen; **--dento** Mahl- o. Backenzahn, a. **(molaro)**
**mufl-o** (tek.) Muffel, Brenngefäß für Keramik
**mukoz-o** (anat.) Schleimhaut. a. **mukmembrano**
al **mult-a: --edira, --indika** vielsagend, ...verratend
**mumps-o** Mumps, Ziegenpeter (pat.), a. **urlio**
**mung-o** Mungo (zoo. Mungo mungo)
**municip-o** Stadtgemeinde, -verwaltung
**muren-o** Muräne (fiŝ. Muraena)
**muskol-o*** (biol.) Muskel
**musteri-o** Moustérien, ältere Steinzeit
**muz-oj** (mit.) Musen, Verkörperung d. schönen Künste u. Wissenschaften
**muzel-o** Schnauze; **--ingo** Maulkorb
**muzelman-o** Muselmann, Moslem, a. **moslemo**
**muzik-o*** Musik; dz. **blov--o, klav--o, lad--o, kord-, arĉ-, tuŝ--o** Blas-, Klavier, Blech-. Saiten- o. Streich-, Zupfmusik, **ĉambra --o** Kammer...; **--ologo** ...wissenschaftler
**muzil-o** (muz.) neue Notenschrift für Tasteninstrumente, Tastenschrift

# N

**naci-o** Nation, (Staats-) Volk
**nadir-o** (astr.) Nadir, Fußpunkt, Ggs. **zenito**
**naftalin-o*** Naphtalin, fester Steinkohlenteerkampfer
**naj-o** **Brillenschlange** (zoo. Naja tripudians)
**najad-o** (mit.) Najade, Quellnympfe
**najbar-o*** Nachbar
**najl-o*** Nagel: dz. **drat-, ligno-, ligna-, desegno-** o. **prem--o,** Draht-, Holz-, hölzerner, Reißnagel o. -stift
**nandu-o** Nandu. Pampastrauß (Rhea americana)
**nanken-o*** (text.) Nankingstoff
**napalm-o** Napalm(bombe), Flammölbombe
**nargile-o** Nargileh, türkische Wasserpfeife
**narkot-i*** narkotisieren, betäuben; **--iko*** Narkotikum; **--ino** ..in
**(natalitat-o)** Natalität, Geburtenhäufigkeit (auf 1000), **naskiĝokvanto**
**natur-o*** Natur, **--dotita** ...begabt; **--igi** (bot.) einbürgern

## Komplementa Vortaro VIII

Walter von Waldowski

**kurac-i*** ärztlich behandeln. heilen; **--oservo** Gesundheitsdienst
**kuraca-o** Curacao(likör)
**kurar-o** (kem.) Kurare, südamerikan. Pfeilgift; **--ino** (med.) Kurarin (Krampfentspannungsmittel)
**kuratel-o** Kuratel, Pfleg- o. Vormundschaft, a. **kuratoreco**
**kuri-o** Kurie 1. päpstlicher Hof u. Behörde 2. (hist.) Senat (im alten Rom) 3. Gliederung der Patriz. Gemeinde Roms
**kurs-o*** 1. Kursus, Lehrgang 2. Marktpreis für Waren, kp. **kurzo**
**kurtaĝ-o** Kurtage, Maklergebühr
**kurtin-o** 1. Bettvorhang, Sperr- 2. (mil.) Sperrwall
**kuruk-o** Zaungrasmücke (Sylvia curruca), (specio de silvio)
**kuskut-o** (Flachs-, Hanf- o. Klee-)Seide (bot. Cuscuta)
**kuŝ-i** liegen, nicht stehen, **--i sur** auf etw. ...; **--i ie** irgendwo ..., **kp. situi; --ejo (de mineraloj)** Lager-, Fundstelle
**kutim-i*** gewohnt sein, zu tun pflegen
**kuz-o** Vetter, Cousin
**kvadrant-o** 1. (geom.) Viertelkreis 2. (astr.) Winkelmesser für Sternhöhen 3. (mil.) Meßgerät für Geschützeinstellung
**kvadrat-o*** Quadrat
**kvadratur-o** (geom.) Quadratur
**kvadril-o*** Quadrille, Vierpaartanz
**kvadrillion-o** Quadrillion, $10^{24}$
**kvaker-o** (rel.) Quäker; **--ismo** ...tum
**kvalifik-i** (tr.) (jmd.) qualifizieren, befähigen
**kvant-o*** Quantum, Menge; **laŭ--e quantitativ**, der Menge nach
**kvantum-o** (fiz.) Quant, kleinstes Teilchen der Energie; **--teorio** Quanten...
**kvart-o** 1. (muz.) Quarte, vierte Stufe der Tonleiter **2. (kk)** e. Viertelliter
**kvas-o** (Kk.) Kwaß, (russ.) Getränk aus Mehl, Malz, Brot u. ä.
**kverel-i*** querulieren, quengeln
**kvestor-o*** Quästor
**kvintal-o** Quintal, Gewichtseinheit in roman. Ländern u. Südamerika = 100 kg, (in England = 50 kg)
**kvintet-o** (muz.) Quintett 1. Musikstück für 5 Stimmen o. Personen 2. die fünf Musizierenden
**kvitanc-o** Quittung, Empfangsbescheinigung
**kviz-o** Denksportaufgabe, entscheidende Prüfungsfrage

* = offizieller Stamm

**kvodlibet-o** Quodlibet (muz.) buntes Durcheinander; **(sp.)** Kartenspiel
**kvorum-o** (pol.) Quorum, zur Beschlußfassung notwendige Anzahl

# L

**labi-o** (bot.) Lippenblüte; **--acoj** ...blütler
**labor-i*** arbeiten, schaffen; **--sperto** Arbeitserfahrung
**labrak-o** Seebarsch (Labrax); **lup-o** Wolfsbarsch (L. lupus)
**laf-o*** Lava
**lagop-o** Schneehuhn (Lagopus)
**laik-o** Laie, Nichtfachmann, a. (rel.) Nichtpriester, -geistlicher
**lak-o*** Lack, Glanzfarbe
**lakt-o*** Milch; **--umo** Fischmilch
**laktarj-o,** (-io) Milchpilz, Reizker (Lactaria) dz. **delikaţa, dolĉeta, neakra k. lan--o**
**laktuk-o*** Lattig, Salat (Lactuca) **foli-, kap- k. kamp--o** Blatt-, Kopf- u. Feld...
**lam-o** Lama (Kamelart Lama, Auchenia)
**lama-o*** (rel.) Lamaistischer Priester; **ĉef--o** Dalai Lama
**lamen-o*** schmales, dünnes (Metall-)Plättchen
**lament-i*** wehklagen, jammern, lamentieren
**laminat-i** (zu Blech) auswalzen; **--ilo** Walze, **--ilaro** Walzstraße
**langvor-o** Mattigkeit, Abgespanntheit, sehnsücht. Schmachten
**(laniari-o)** Schäferhund (Canis laniarius), a. **ŝafista hundo**
**lanj-o,** (-io) Würger (bird. Lanius)
**lanolin-o** (farm.) Lanolin
**lapis-o*** (kem.) Höllenstein. a. **infera ŝtono**
**lar-o** 1. (bird.) Möwe (Larus) = **mevo**
**lard-o*** Speck, Fettschicht unter der Haut
**larm-o*** Träne
**later-o** (geom.) Seite
**latir-o** Platterbse (Lathyrus), dz. **bonodora --o** wohlriechende ...
**(latr-o)** Präriewolf s. **kajoto**
**leg-i*** lesen; **laŭt--i, voĉ--i** laut ...; **--i al iu** jmd. vor...
**legat-o*** Legat, päpstl. Gesandter
**legi-o*** (hist.) Legion; (allgem.) große Menge; **honora --o** Ehrenlegion, **kavaliro de la --a --o** Ritter der Ehrenlegion
**legitim-i*** (sich) ausweisen (kiel als, per mit); amtlich anerkennen (infanon)
**lekant-o** Wucherblume (bot. Leucanthemum)
**leming-o** Lemming, Wühlmaus (zoo. Lemmi)
**lemur-o** 1. Maki, Fuchsaffe (zoo. Lemur catta) 2. Lemur, Totengeist
**lern-i*** lernen; **--emo** Lernwille; **--persisto** Ausdauer, „Sitzefleisch“

**mister-o** Mysterium, Ungeklärtes, Geheimnisvolles
**mistik-o*** Mystik, (rel.) Glaube an das Geheimnisvolle
**mitomani-o** (pat.) Mythomanie, Fabelsucht; **--ulo** Mythomane
**mitoz-o** (biol.) Mitose, indirekte Kernteilung
**mitr-o*** Mitra, Bischofsmütze
**mizer-o*** Not, Elend, Misere
**mnemo(tek)nik-o** Mnemo(tech)nik. Gedächtniskunst
**mod-o*** Mode, das jetzt Übliche; (gr.) Modus, Aussageweise
**modal-o** Modalität 1. durch d. Verhältnisse bedingte Art 2. (gr.) Modus, a. **modo**
**mokasen-o** (Kl.) Mokassin, indian. Halbschuh u. moderne Nachahmung
**molanas-o** Eiderente (Somateria molissima)
**(molar-o),** a. **mueldento** Mahl- o. Backenzahn, kp. **incizivo** k. **kanino, kojndento**
**momant-o** (fiz.) Moment. dz. **inercia, torda, turna, magneta --o** ktp.
**moment-o*** Moment, Augenblick
**mon-o*** Geld; **--ereto** Scheidemünze; **--avida** ...gierig; **--falsisto** Falschmünzer
**monaĥ-o*** Mönch
**monarĥi-o, monarki-o** Monarchie, **absoluta, konstitucia** k. **parlamenta**
**monism-o** (fil.) Monismus, Alleinheitslehre; **monisto** Monist
**monokl-o** Monokel. Glas für nur ein Auge
**monom-o** Monom, eingliedrige (mat.) Größe, kp. **binomo**
**monomani-o*** (pat.) Monomanie, fixe Idee, Zwangsvorstellung
**monotip-o** (pres.) Monotype, Gießmaschine für Einzelbuchstaben
**monstr-o*** Monstrum, Ungeheuer, Scheusal
**morav-a** mährisch, **moravio** Mähren, Landschaft in der ČSSR
**morb-o** (pat.) Rotzkrankheit, kp. **morvo**
**morb(id)-a** mürbe, morsch, (med.) wenig widerstandsfähig gegen Krankheiten; **--ajo** Gebrechen; **--eco** Anfälligkeit
**mord-i*** beißen, (f.) zerfressen; **ajo** Gebiß (d. Pferde)
**moren-o** (geol.) Moräne, Gletscher- o. Geröllwall
**morfem-o** (gr.) Morphem, gestaltbildender Wortteil: **en-ir-pord-o**
**morĥel-o, morkel-o** Morchel (Morchella); **fi--o** Stink...
**mormon-o** Mormone, Anhänger e. (rel.) Sekte (Amerika)
**mors-a alfabeto** Morsealphabet; **--i** morsen
**mort-i*** sterben, vergehen, nicht mehr sein; **--enda** sterblich; **--endulo, --eculo** Sterblicher
**mortez-i** (aus-)stemmen; **--ilo** Stemmeisen, **--maŝino** Stemmmaschine
**mosk-o*** Moschus; **--okukurbo** ...kürbis (Cucurbita moschata)
**motel-o** Motel, Kraftfahrerhotel

**merit-i*** verdienen, würdig sein
**merkurial-o** Bingelkraut (bot. Mercurialis)
**merop-o** Bienenfresser (bird. Merops)
**metabol-o** (biol.) Stoffwechsel, Auf- u. Abbau organ. Stoffe
  **--ismo** Formunbeständigkeit d. Insekten
**metakarpe-oj** Mittelhandknochen, a. **mezmanaj ostoj**
**metaloid-o** Metalloid, metallähnlicher Stoff
**metan-o** (kem.) Methan. Sumpf- o. Grubengas
**metempsikoz-o*** Metempsychose, Seelenwanderung
**meteorism-o** (pat.) Blähsucht, Aufgetriebenheit, Meteorismus
**metr-o*** Meter = 100 cm; **-metro** (sufikse ĉe vortfinoj) = messer: **volt--o, amper--o** ktp. Voltmeter, Ampermeter
**mez-o*** Mitte; **--nombre** durchschnittlich
**mezembri-o** Mittagsblume, a. **„tagmezfloro"** (Mesembrianthemum)
**mezolitik-o** (hist.) Mesolithikum, mittlere Steinzeit
**mezozo-a** (geol.) mesozoisch; **--iko** Mesozoikum, Erdmittelalter, dz. **triaso, juraso k. kretaceo,** Trias. Juras u. Kreide
**(mikologi-o)** Pilzkunde = **fungologio, fungoscienco**
**mikr-a** winzig, Ggs. **makra-, makro-**
**mikrokoko-oj** Mikrokokken, kugelförmige Bakterien
**mikrologi-o** Mikrologie, Wissenschaft von Kleinstlebewesen
**mikrometr-o** Mikrometer, Feinmesser
**mikron-o** 1. altgriech. Buchstabe 2. Mikromillimeter = 0,000 001 m
**mikroorganism-oj** Mikroben, Kleinstlebewesen
**milfoli-o** Schafgarbe (bot. Achillea millefolium), a. **akileo**
**milibar-o** Millibar, Einheit der Luftdruckmessung
**milit-o*** Krieg, **al--i** mit ... überziehen
**milv-o*** Weihe, Milan (bird. Milvus)
**mim-o** Mime, Schauspieler; **--i** durch Gesten **Gedanken** und Gefühle ausdrücken
**mimik-o*** Mimik, Gebärdensprache, -spiel
**mineral-o*** **Mineral,** anorgan. **Naturstoff**
**mini-o, minium-o** Mennige, roter Farbstoff, Rostschutzfarbe
**miniatur-o** Miniatur, Kleinkunstwerk
**minimum-o*** Minimum, Kleinst- o. Mindestwert (Ggs. maksimumo)
**minoritat-o** Minorität, Minderheit, a. **malplimulto**
**miocen-o** (geol.) Miozän (Formation d. mittleren Tertiär)
**miogal-o*** Bisamspitzmaus (zoo. Myogale moschata)
**mirakl-o*** Wunder, (f.) etw. ganz Außergewöhnliches
**mirh-o*** Myrrhe. e. wohlriechendes Harz
**miria-** (mat. prefikso) = **dekmil-** (10 000)
**miring-o** (anat.) Myrinx, Trommelfell, a. **timpano**
**mirmeleon-o** Ameisenlöwe (zoo. Myrmeleon)
**misal-o** 1. (pres.) größere Art Druckschrift 2. (rel.) Messebuch

**leter-o*** Brief; **--kolombo** ...taube; **kaptordona --o** Haftbefehl
**lev-o** (bulgar. Münze) Lew = 100 **stotinkoj**
**lias-o** (geol.) Lias, untere Juraformation
**liĉiarb-o** Litschipflaume, Chines. Haselnuß (Nephelium litchi)
**lign-o*** Holz, kp. **alburno k. krucplakaĵo**
**liknid-o** Lichtnelke (bot. Lychnis), dz. **fajro--o** Brennende Liebe, **glu--o** Pechnelke
**lim-o*** Grenze, räumlich, zeitlich, physikalisch
**limb-o** 1. (bot.) Rand des Blütenkelches 2. (tek.) Kreisbogen mit Gradeinteilung 3. (kath. rel.) Limbus, Vorhölle
**limerik-o** Limerick, Schüttelreim mit 5 Kurzzeilen
**limuzin-o** Limousine, geschlossener Personenwagen
**lini-o*** Linie, Zeile, Reihe; (Verkehrs-)...; (el.) (Leitungs-)...
**lintel-o** (ark.) Oberschwelle (d. Türen u. Fenster)
**lirl-i** murmeln, plätschern, rauschen; **--o** Rauschen (d. Wassers
**lit-o*** Bett; **--kadro** ...rahmen, kp. **somiero; --urinado** ...nässen
**litograf-i*** lithographieren; **--isto** Steindrucker
**liver-i*** liefern; **--oficejo** Beschaffungsamt
**livi-o** Feldtaube (Colombus livia)
**lobelj-o** (-io) Kardinalsblume (Lobelia)
**logik-o*** Logik; **--eco** Denkrichtigkeit
**loĝ-i*** wohnen; **--ebla** be...bar; **--otriko** (mil.) Unterbringungslehre
**lok-o*** Ort, Platz, Stelle; **--umi** unterbringen (Kinder. Wertsachen)
**lokaŭt-o** Lokaut, Aussperrung der Arbeiter; **--i** aussperren
**lokomobil-o** Lokomobile
**lol-o*** Lolch (bot. Lolium), dz. **lolherbo** Raygras (L. perenne)
**lombard-i** auf Faustpfand leihen; **--o** Darlehnsbank. Beleihung von Wertpapieren
**lord-o** Lord; **ĉambro de la --oj** (pol.) (engl.) Oberhaus
**(loz-a)** lose = **malstrikta, malkompakta, nepakita, neligita**
**lozanĝ-o*** 1. (geom.) Rhombus, Raute 2 Symbol der Lanzenspitze
**lu-i*** (etw.) mieten; mal--i kündigen; **vic- a. sub--igi** untervermieten
**lucid-a** 1. licht, leuchtend, klar 2. hell. geistesklar
**luď-i*** spielen 1. kindlich o. sportlich 2. e. musikal. Instrument 3. theatermäßig, nur geheuchelt
**lukan-o** Hirschkäfer (Lukanus), a. **„cervoskarabo“**
**lukt-i*** ringen, waffenlos kämpfen
**lum-i*** leuchten, strahlen (auch vor Glück)
**luminesk-i** luminiszieren; **--o** Lumineszenz
**lunĉ-o** Lunch. Gabelfrühstück
**lutr-o** Fischotter (Lutra)

# M

**madjar-o** madjarisch, ungarisch
**mag-o** Magier (altpers.) Priester u. Sterndeuter, kp. **magiulo**
**magdalenj-o** (geol) Magdalenien, letzte Stufe der Steinzeit
**magi-o*** Magie. Zauberei; **--ulo** Zauberer; (f.) **--a kvadrato, --a okulo** magisches Quadrat, Auge
**magm-o** (geol.) Magma, feuerflüssige Masse d. Erdinneren
**magnet-o** Magnet, **natura, artefarita k. elektro--o**
**magnetit-o** Magnetit, Magneteisenstein
**majoritat-o** (pol.) Mehrheit, Ggs. **minoritato**
**makadam-o*** Makadam, Steinschuttunterlage d. Straßen
**makaon-o** Schwalbenschwanz (zoo. Machaon)
**makis-o** 1. wildes, undurchdringl. Gestrüppbergland 2. eine französ. Widerstandsbewegung 3. (f.) Zufluchtsort Verfolgter
**makro-** (Prefiks in Fremdwörtern) = grandega, grandampleksa, (Ggs.) **mikr-o** z. B. **--kosmo** Weltall
**makrocefal-o** Pottwal (zoo. Physeter macrocephalus)
**maksvel-o** Maxwell, elektromagnet. Einheit
**makul-o*** (Schmutz-) Fleck, Klecks, Makel
**male-o** 1. (sp.) Holzhammer, Krikett- o. Poloschläger 2. (anat.) Mallëus. Hammer (Gehörknöchelchen)
**malic-a*** boshaft, schadenfroh; **--ajo** Bosheit, böser Streich; **--eta ŝerco** anzüglicher Scherz
**malt-o*** Malz, angekeimtes Gerstenkorn; **--igejo** Mälzerei
**maltusianism-o** pseudowiss. Lehre von Malthus
**malv-o*** Malve (bot. Malva)
**mamon-o** (Götze) Mammon; **--ismo** ...ismus, Geldsklaverei
**mamut-o*** Mammut, fossiler Riesenelefant; **--a** (f.) riesig; **--arbo** ...baum (bot. Sequoia), a. **sekojo**
**mana-o*** 1. (bibl.) Himmelsbrot 2. (med.) getrockneter Saft der Mannaesche (Abführmittel)
**manat-o** Seekuh (zoo. Manatus), dz. **bov--o** Ochsenfisch (M. latirostris)
**mandaren-o*** Mandarin (ehem. hoher chines. Staatsbeamter)
**mandol-o** Mandola, Zupfinstrument, eine Oktave tiefer als d. Mandoline
**mandragor-o** Alraun. Springwurzel (bot. Mandragora)
**mandril-o** Mandrill (zoo. Mandrillus)
**mangl-o** Frucht d. Manglebaums (Rhizophora manglo)
**mangostan-o** Mangostane (trop. Obstbaum Gercinia mangostana)
**manihot-o** Maniok, Kassavestrauch (bot. Manihott), (Kk.) a. ...mehl
**manis-o** Schuppentier (Manis)
**mantil-o** (Kl.) Mantille, span. Schultertuch

**marabut-o** (rel.) Marabut, islam. Sekte in Nordwestafrika. (besonders) durch Gelübde gebundener Einsiedler
**marcipan-o** (Kk.) Marzipan
**mark-o*** Marke 1. Kennzeichen 2. Briefmarke 3. Mark (= 100 pfenigoj)
**marketr-i** 1. sprenkeln, tigern 2. Einlegearbeit machen; **--o** E...t, Intarsie
**markiz-o** Marquis (französ. Adelstitel)
**marod-i** (netr.) plündern (besonders durch versprengte Soldaten); **--isto** Marodeur, Plünderer
**maron-o** Marone (bot. Castanea sativa), a. **kaŝtanarbo**
**marsupi-o** (zoo.) Beuteltasche; **--aloj, --uloj** Beuteltiere
**masaĝ-o** Massage
**mask-o*** Maske, (f.) Deckmantel
**maskaret-o** (mar.) Spring- o. Sturmflut
**maskl-o** 1. (bot.) männl. Blütenteil 2. (zoo.) Männchen, **vira besto**
**masoĥism-o** (pat.) Masochismus; **--isto** ...ist
**mastik-o*** Kitt, Mastix; **„--arbo“** ...baum (Pistacia lentiscus)
**mastodont-o** Mastodon, fossiler Rüsselhufer
**maŝin-o*** Maschine
**mate-o** (Kk.) Mate(tee) (aus d. Blättern von Ilex paraguayenais))
**materi-o*** Materie, Stoff, **gasaj, fluidaj k. solidaj --oj**
**material-o*** Material; **krud--o** Roh...
**matine-o** (art.) Frühveranstaltung
**matriark-a** (jur.) mutterrechtlich; **--ato** Matriarchat
**maŭr-o** (ethn.) Maure
**meandr-o** Mäanderlinie, sich eckig schlängelnde Linie
**mebl-o*** Möbel(stück); **--aro** Mobiliar
**mefit-o** Stinktier (Mephitis)
**megalosaŭr-o** (pref. **-zaŭro)** Megalosaurier. Riesensaurier
**Meger-a** (mit.) Megäre, Furie, Rachegöttin; **megero** (f.) Weibsteufel
**megom-o** (el. Maßeinheit) Megohm = $10^6$ Ohm
**melankoli-o*** Melancholie, Schwermut; **--a** ...cholisch
**meldu-o** Mehltau, e. Pilzkrankheit d. Pflanzen
**meleagr-o*** Truthahn, Pute (Meleagris)
**mendelism-o** Mendelismus, Verebungslehre nach Mendel; **--i** mendeln
**menestrel-o** Menestrel, (französ.-prov.) Sänger d. Mittelalters
**mening-o** (anat.) Meninx, Hirn- o. Rückenmarkhaut
**menisk-o** 1. Mondsichel(form) 2. (opt.) Meniske, konkav-konvexe Linse
**mens-o*** Geist, Verstand
**mercer-o*** Handel mit Kurzwaren
**merg-o** Säger (bird. Mergus)

(Fortsetzung von Seite 10) 

**Krippe / wer an der ... sitzt, deckt sich** ne ekzistas ofico sen benefico; regna kaso, bona ĉaso; estro ne malsatas;
**Krise / es ...lt** krizo prepariĝas;
**Kritik / unter aller ...** inda je nenia kritiko;
**Krone / die ... niederlegen** abdiki; **das setzt allem die ... auf** tio superas ĉion (antaŭan); tio estas kulmino (de l'impertinenco);
**Krug / der ... geht so lange zum Wasser, ...** iam falĉilo trafos sur ŝtonon; longe ĉerpas la kruĉo, ĝis fine ĝi rompiĝas;
**krumm / etw ... nehmen** malbone akcepti ion; **unter dem ...stab** sub eklezia regado;
**Küche / er führt eine gute ...** ĉe li oni bone manĝas;
**Kuckuck / das weiß der ...** eĉ la diablo ne scias;
**Kuh / wie die ... vorm neuen Tor** kiel la bovo antaŭ la monto;
**kümmern / sich ... um** zorgi pri; **sich um seine eigne Angelegenheit ...** zorgi pri siaj aferoj; ŝovi sian nazon en proprajn aferojn; **kümmere dich nicht darum!** ne intermiksu vin en tion!; **das kümmert mich nicht** tio ne penigas min; tio ne estas mia afero;
**Kunst / ich bin mit meiner ... zu Ende** venis fino al mia latino; nun finiĝas mia klereco; **seine Künste spielen lassen** apliki (uzi, montri) siajn povojn;
**Kur / zur ... weilen** foresti en kuracado; esti en sanatorio; **eine ... gebrauchen** uzi kuracadon;
**Kurs / in ... setzen** cirkuligi; **außer ... setzen** malcirkuligi; retiri el la cirkulado; **der ... ist gestiegen** la kurzo supreniris; **der ... ist gefallen** la kurzo malsupreniris;
**Kurve / sich in die ... legen** kliniĝi en la kurbon; **die ... nehmen (schneiden)** traveturi (oblikve) la kurbon; **das Auto wurde aus der ... getragen** ... flugis (glitis) el la kurbo;
**kurz / über ... oder lang** pli-malpli frue; **... und gut** per unu vorto; **machs ...!** rapidu!; finu!; **sich ... fassen** paroli koncize; **j—m ... halten** teni iun per fera mano; butonumi iun malvaste; **... entschlossen** rapide decidita; **in ...em** baldaŭ; **vor ...em** antaŭ nelonge;
**Kürze / den ...ren ziehen** malgajni; malsukcesi;

# L

**lachen / am ... erkennt man den Narren** oni ekkonas bovon per la vido kaj malsaĝulon per la rido; koniĝas birdo laŭ flugo kaj homo laŭ ago; **das wäre doch gelacht** tio ja estus ridinda;
**Lage / ich bin nicht in der ...** mi ne povas; mi ne kapablas; **schwierige ...** embaraso; dilemo; krizo; **Freunde, ich gebe eine ...** amikoj, mi donas glason da biero al ĉiuj;
**Lager / auf ... haben** esti en tenejo;
**Lamm / er ist sanft wie ein ...** li havas olean karakteron; li estas ĝentila kaj trankvila kun koro el oro; li estas mola kiel vakso;
**Lampe / einen auf die ... gießen** tralavi la gorĝon; esplori iom la fundon de la glaso;
**Land / an ... gehen** albordiĝi; **hierzu...e** ĉilande; **...es verweisen** ekzili iun;
**lang / er erzählte ... und breit davon** li rakontis pri ĝi, dronante en detalaĵoj; **zwei Jahre ...** dum du jaroj; **... und breit** detalege;
**lange / wie ...?** (dum) kiom da tempo?; ĝis kiam?; **noch ... nicht** ĝis nun eĉ ne proksimume; **... Leitung** malrapidspirita; la kontakto bezonas tempon; **... nicht so groß** tute ne tiom granda; **nicht ... fragen** ne multe demandi; **seit ...m** delonge; **vor ...r Zeit** antaŭ multa tempo;
**Länge / der ... nach** laŭlonge de; **in die ... ziehen** (pli)longigi; prokrasti;
**langen / das kann nicht ...** tio ne povas esti sufiĉa;
**Lanze / für j—n eine ... brechen** pledi por iu;
**Lärm / viel ... um nichts** pli da bruo, ol da faro; ludi ventobatadon; granda nubo, eta pluvo; granda frakaso en malgranda glaso; kia bruo pro eta omleto; **... schlagen** alarmsignali;
**lassen / außer acht ...** ignori; ne konsideri; ne atenti; **sich Zeit ...** ne rapidi; **ich möchte mich rasieren ...** mi deziras esti razata; **er kann es nicht ...** li ne povas sin deteni de; li ne povas ne . . . i; **sie ... grüßen** ili sendas salutojn; **sich keine Mühe verdrießen ...** neniel eviti iun penon; **sich vor Freude nicht zu ... wissen** ne scii kion fari pro ĝojo; **sich sehen ...** vidigi sin; **laßt uns gehen!** ni iru!; **laß das Weinen!** ĉesu plori!; **laß einmal sehen!** montru do! **laß das sein!** lasu!; ne faru tion!; **laß das (bleiben)!** ne faru tion!; ĉesigu tion!; **laß dir das gesagt sein!** tion bone notu!; **laß uns Freunde sein** niestu amikoj!; **das läßt sich denken** tio estas imagebla; tio estas ebla; kompreneble; **davon läßt sich viel sagen** oni povas multon diri pri; **er läßt nicht von seiner Meinung** li ne reiras; li ne cedas de; **laß mich aus dem Spiel** lasu min ekster la afero; **das lasse ich mir gefallen!** tion mi volonte akceptas;

**Last** / **tote ...** balasto; **j—m etw zur ... legen** imputi ion al iu; **j—m zur ... liegen** tedegi iun; ĝenegi iun; esti ŝarĝo por iu; **... not least** laste, sed ne lastrange; **zu Ihren ...en** je via debeto;
**lästig** / **... fallen** ĝeni; tedi;
**Latein** / **mit seinem ... zu Ende sein** jen la fino de mia latino;
**Lauer** / **auf der ... liegen** embuski iun;
**Lauf** / **freien ... lassen** ne malhelpi; lasi liberan iradon; **in vollem ...** plenkure; plenrapide; **im ... der Jahrhunderte** en la paso (fluo) de l'jarcentoj; **der ... der Welt** iro de l'mondaj aferoj; **auf dem ...enden sein** ĉiam scii la lastajn novajojn; **im ...e der Zeit** iom post iom; **das läuft ins Geld** tio konsumas multan monon; **das läuft auf eins hinaus** la rezultaĵo estos la sama;
**Laune** / **er hat schlechte ...** li estas en acida humoro; **er hat seine ...n** li havas siajn kapricojn;
**Läuse** / **er hat sich ... in den Pelz gesetzt** li varmigos serpenton, ĝi al li enpikos la denton; li dorlotas serpenton sur sia brusto;
**laut** / **... werden** penetri en la publikon; konatiĝi; **... werden lassen** esprimi; eldiri;
**läuten** / **er hat etw ... hören** sonado al li venis, sed de kie - li ne komprenis;
**Leben** / **er schleppt sich durchs ...** li trenas sian vivon de mizero al mizero; li vivas iele-trapele; **auf Tod und ...** batali por la vivo; batali ĝis ekstremo; **sein ... in die Schanze schlagen** riski la vivon; **für mein ... gern** mi donus mian vivon; **ins ... rufen** ekzistigi; estigi; **... einhauchen** animi (bildon); **das ... schenken** naski (infanon); **... und ... lassen** se vi povas, profitu, sed aliajn ne incitu; **das ... und Treiben** la vivo kaj moviĝo (agado); **... Sie wohl!** adiaŭ!; fartu bone!; **hoch ... lassen** vivukrii; tosti; **mein ...tag** dum mia tuta vivo; **bei seinen ...zeiten** dum lia vivo; **auf ...szeit angestellt** nemaldungebla; **ruhiger ...sabend** kvieta vespero de la vivo;
**Leber** / **frisch von der ... weg** senceremonie; senhezite; senĝene;
**lecken** / **die Wanne leckt** la kuvo tralasas; ellasi akvon;
**Leder** / **vom ... ziehen** eltiri (elingigi) la spadon;
**leer** / **... ausgehen** ricevi nenion;
**legen** / **lahm ...** haltigi; malfunkciigi; malhelpi; **Nachdruck ... auf** akcenti ion; **Hand ... an etw** eklabori; **Hand an sich ...** fari mematencon; **Hand an j—n ...** aresti iun; **j—m das Handwerk ...** malebligi ion al iu; **j—m etw ans Herz ...** insiste rekomendi ion al iu; **sich aufs Bitten ...** komenci peti; **sich ins Mittel ...** interveni; **j—m etw zur Last ...** imputi ion al iu; **die Hände in den Schoß ...** ĉesi agi (labori); maldiligenti; **in Ketten ...** enkatenigi;
**Lehre** / **j—m eine ... erteilen** admoninstrui iun;
**Leib** / **j—n auf den ... rücken** ataki iun; **zu ...e gehen** ataki iun; **bleib mir vom ...e** restu for de mi; ne ĝenu min; **gut bei ...e sein** esti (sufiĉe) vastkorpa; **bei ...e nicht** nepre ne; neniukondiĉe; **gesegneten ...es** graveda; **aus ...eskräften** tutforte;
**leicht** / **das ist nicht so ...** tio ne estas tiel facila, kiel laboro argila; **... positiver Befund** malforte (iomete) pozitiva konstato; **etw ... nehmen** preni ion facila; **...es Mädchen** facilmora knabino;
**leid** / **es tut (ist) mir ... um** mi bedaŭras; mi domaĝas; **er tut mir ...** mi kompatas lin; **sein Versprechen wurde ihm ...** li bedaŭris; li pentis; **... tragen** funebri pro (pri); **sich etw zu ...e tun** fari mematencon; **ich kann ihn nicht ...en** li estas al mi antipatia; **zu meinem ...wesen** je mia bedaŭro;
**Leier** / **immer die alte ...** ĉiam la sama litanio; estas ripetata parolo pri la sama titolo; estas ĉiam la malnova afero en nova livero;
**leihen** / **j—m sein Ohr ...** favore turni al iu la orelon;
**Leim** / **aus dem ... gehen** malgluiĝi; disfali; difektiĝi; **j—n auf den ... locken** mistifiki; trompi;
**Leinen** / **in ... gebunden** tole bindita;
**leisten** / **alles über einen ... schlagen** ĉion (ĉiun) trakti laŭ la sama modelo (maniero); ne fari diferencon; **im Rechnen viel ...** esti forta en la matematiko;
**leiten** / **das Gespräch auf etw ...** direkti (turni) al; **etw in die Wege ...** prepari; aranĝi; ion; **...der Angestellter** dungito kondukanta;
**lernen** / **gelernter Kaufmann** laŭorde lerninta (studinta) komercisto;
**letzt(e,r,s)** **zu guter ...** en la fino de l'finoj; **der ...e Schrei** la lasta kulmino de l'modo; la plej mod(ern)a modaĵo; **das ...e herausholen** eltiri la lastajn fortojn; eltiri ĉion eblan; **...ens** laste; fine; **der ...ere** la laste nomita; **...hin** antaŭ nelonge; **den ...en beißen die Hunde** la lastan el amaso atakas la hundo;
**leuchten** / **das leuchtet mir ein** tio ŝajnas al mi evidenta; tion mi komprenas;
**Leumund** / **j—n in bösen ... bringen** malbonfamigi iun;
**Leute** / **bessere ...** bonklasuloj; bonklasaj homoj; **unsere ...** la niaj; la niuloj; servistaro; laboristoj;
**Leviten** / **j—m die ... lesen** fari al iu bonan lavon; fari al iu predikon (lecionon) pri moroj;

**Ludwig Renn**

## SENLABORULA KANTO

(Originale en esperanto)

*Kiam ĉiuj iras stampi,*
*Antaŭ la giĉetoj rampi,*
*Ĉiuj faras aĉmienon,*
*Volas manĝi ĝis satveno,*
*Ĝis sat venos en la ver,*
*Estas bela la afer',*
*la afer'.*

*Vi eliri ne deziras:*
*Kion serĉi ekster dom'?!*
*El la lit vi ne eliras*
*Pro malsato trompu hom',*
*Venas jam tagmanĝa hor',*
*Manĝ-matena restis for,*
*restis for.*

*La infanoj tre maldikas:*
*Ili manĝi devus pli.*
*Se vendist ankoraŭ donos,*
*Ni do zorgi ne bezonos,*
*Pensi pri morgaŭa tag'*
*Kaj pri nutro en stomak',*
*en stomak'.*

*Se mizero tiel kreskos*
*Kaj montriĝos sen elir',*
*Ĉiu dir malpermesata*
*Al prolet, al ruĝa frato.*
*Venos la eksplod en foj',*
*Marŝos ni en rekta voj',*
*rekta voj'!*

La poemo troviĝis en „Proleta Esperantisto" organo de Riga Laborista Esperanto-Societo, nro 6, 22. 12. 1932. Ĝi estas originale verkita en Esperanto de la fama germana poeto prof. Ludwig Renn, kiu estis esperantisto. Ni ricevis afablan permeson de la aŭtoro represi la poemon.

# Metodiko

## Metodikaj paŝoj por akceli dekomence la liberan paroladon de la lernantoj

Kiel ekzemplo servu jena mallonga teksto:

*a) Sinjoro Weber kaj lia edzino vizitas la urbon.*
*b) Ili alvenis jam hieraŭ kaj restis dum la nokto en malgranda hotelo.*
*c) Nun ili staras antaŭ la katedralo kun ĝiaj altaj turoj.*
*d) Apud la katedralo estas monumento kun grupo de belaj figuroj.*
*e) La vojo al la urbodomo ne estas longa.*

La instruanto nun faru jenon:

1. Rakontu libere la enhavon de la legaĵo aŭ laŭtlegu laŭvorte la tekston.
2. Demandu pri neklaraj vortoj kaj surtabuligu ilin kun traduko.
3. Ripetu 1.
4. Legu ĉiam po unu frazo kaj demandu pri tiu frazo tiamaniere, ke la lernanto devas respondi per la respektiva frazo de la legaĵo, do jene:

   a) Kiu vizitas la urbon?
   b) Kiam ili alvenis kaj kie ili restis dum la nokto?
   c) Kie ili staras nun?
   d) Kio estas apud la katedralo?
   e) Kia estas la vojo al la urbodomo?

5. Surtabuligu kaptovortojn:

   *a) Sinjoro Weber kaj ........ vizitas ........*
   *b) Ili alvenis ........ kaj restis ........*
   *c) Nun ili staras antaŭ ........ altaj turoj.*
   *d) Apud la katedralo ........ belaj figuroj.*
   *e) La vojo ........ ne estas longa.*

6. Kelkaj lernantoj rerakontu la tekston per la kaptovortoj.
7. Forviŝu parton de la kaptovortoj tiel, ke restu ekzemple:

   *a) Sinjoro Weber kaj ........*
   *b) Ili alvenis ........*
   *c) Nun ili staras ........*
   *d) Apud la katedralo ........*
   *e) La vojo ........*

8. Ripetu 6.
9. Kelkaj lernantoj rerakontu la tekston libere sen kaptovortoj.
10. Klarigu la gramatikajn problemojn, kiuj rezultas el la teksto, per la gramatika metodo.

*Klaus-Dieter Dungert*

# Verwendung und Bedeutung von »meti« und »fari«

Der richtige Gebrauch dieser Verben im Verhältnis zur deutschen Übersetzung ist nach gemachten Beobachtungen mit Schwierigkeiten verbunden. Selbst ältere Esperantisten stützen sich oft zu starr auf die Auslegung in alten Wörterbüchern, in denen *fari* mit *tun* und *meti* mit *setzen* angegeben ist. Umgekehrt wird *tun* mit *fari, agi; machen* mit *fari, fabriki; setzen* mit *meti, sidigi* übersetzt. Ausländische Wörterbücher beschränken sich, wie viele deutsche gleichfalls, auf das Wort metio = Handwerk. Vermutlich ist das *meti* der französischen Wurzel *mettre* entliehen, welche *hintun* bedeutet. *meti* bedeutet also nicht allein *setzen, stellen, legen.* Diese Deutung ist selbst deutschsprachig nicht richtig, sondern es muß eigentlich *hinstellen, hinsetzen, hinlegen* heißen. Würden diese Erklärungen benutzt, so könnten Mißverständnisse verringert werden. Das neue *Plena Vortaro* weist bereits viele mögliche Bedeutungen von *meti* auf, welche oftmals nicht mehr mit *setzen, stellen, legen* erklärt werden können.

Einige Beispiele:

*meti manĝilaron sur la tablon*, hier sind die Wörter *setzen, stellen, legen* anwendbar.

Bei *meti vinagron en salaton* ist dies bereits nicht mehr möglich, da Essig in einen Salat weder *gesetzt, gelegt* oder *gestellt* werden kann, sondern *geschüttet, gegossen, beigefügt* werden kann. Desgl. bei *meti viandon en pecetojn, meti ion en forgeson, demeti la veston, demeti ringon, formeti libron el la montrofenestro.*

Abgesehen davon, daß die Esperantowörter betreffs ihres Inhaltes dem Sinn nach ohne weiteres erkenntlich sind, so sind sie doch zu einem Teil nicht durch die deutschen Begriffe *setzen, stellen, legen* übersetzbar. Der Neuling weiß häufig nicht, wann er für völlig anders lautende deutsche Wörter das Esperantowort einsetzen muß. Es wäre daher empfehlenswert, wenn in Zukunft die Wörterbücher und Lehrbücher für *meti hinsetzen, hinstellen, hinlegen, hintun* (auch übertragen) *aufzeigen* würden.

Wichtig wäre es bei den auch im Deutschen oft falsch gebrauchten Wörtern bzw. Begriffen aus *fari* und *meti* folgende Hinweise einzubringen:

*meti = machen, daß irgendwer oder irgendwas irgendwo sei.*

Dabei bleibt die Ausführungsform des Tuns völlig unbezeichnet. Der Hörer oder Leser kann dann selbst den gewählten Begriff einsetzen. Zum Beispiel: *La infano metas la ludilon en keston.* Es kann es *einlegen, hineinstellen* oder *setzen,* es kann es *einwerfen, fallen lassen,* auf einer Vorrichtung *hineingleiten* lassen, *schwemmen* oder *fliegen* lassen. Grundsatz bleibt: *Etwas von irgendeinem Ort an einen anderen tun, ohne das Objekt selbst zu verändern.* Eben *meti!*

Ist *meti* das undefinierte ortsverändernde Tun, so ist *fari* das schöpferische, formverändernde, wertverändernde Tun mit gestaltungsabsichtlicher Handlung.

Auch hier ist in Wörter- und Lehrbüchern der klärende, absolut richtungweisende Hinweis von Vorteil: *fari = etwas aus Material schaffen, einen Zustand verändern, etwas geistig oder materiell produzieren, eine Wirkung schaffen, etwas herstellen.*

Beispiele:

*Fari tablon, fari vojon, fari romanon, fari tradukon, fari sian taskon, fari ŝtelon, fari kuracadon, fari metion, fari nenion malbonan, fari eraron, 60 minutoj faras unu horon, oni faris lin generalo, fari el neceseco virton ktp.*

*R. Masek*

# DISTRO

R = radiko sen finaĵo

**Horizontale:** 1) Monavida; 5) Sidi sur ovoj por ebligi maturiĝon; 6) Agi same kiel iu alia (R); 8) Greka fabelverkisto; 9) Parto de la kapo; 11) Granda muzikinstrumento (R); 14) Frukto de greftita kaŝtanujo; 16) Eari borderon ĉe tuko; 17) Knabo, kies gepatroj mortis (R); 19) Altvalora pro sia malofteco; 22) Okulkavo; 25) Densigita stato de oksigeno; 27) Ruĝa substanco (R); 28) Supra parto de la pistilo (R); 29) Premi per piedoj (R); 30) Konifera arbo; 31) Kuiri manĝaĵon sur kuirkrado.

**Vertikale:** 1) Speco de nukso; 2) Nordamerika specio de mamuloj, bredata pro valora felo; 3) Osto, kiu ĉirkaŭas la bruston; 4) Dio de amo; 5) Alte ŝatata; 7) Tabelvorto; 9) Granda, dekpieda markrustulo; 10) Malvera opinio, kaŭzita de nescio; 12) Urbo en la distrikto Gera; 13) Sinteza kombinaĵo, el kiu oni faras specon de artefarita silko (R); 15) Multvalora metalo; 18) Malnova militŝipo kun tri mastoj (R); 20) Senkolora, senodora gaso (R); 21) Kortobirdo (R); 23) Ĵeti bombojn; 24) Ŝtatestro de eŭropa ŝtato; 26) Germana inĝeniero, inventinto de certa motoro, kiu havas lian nomon.

---

## Vintra opinio-ŝanĝo

*La bovo fajnan herbon manĝas*
*starlasante nur la tigojn,*
*ofte la starpunkton ŝanĝas,*
*evitas sur la lango pikojn.*

*La kamparano sekvas ĝin,*
*kontemple falĉas la restaĵon.*
*Kolektas ĉion la edzin'*
*konserve staplas la sekaĵon.*

*Sed en la vintra temp' senherba*
*la bovo manĝas kun plezur'*
*kaj konsideras nun superba*
*la donacaĵon de l' natur'.*

Wilfried Hofmann

# INFORMOJ

**Broŝuro pri popola klerigo en GDR en Esperanto**

Post la eldono de la tre bone akceptita libro pri GDR „La Germana Demokratia Respubliko-bildoj kaj faktoj", la eldonejo „Zeit im Bild" Dresden, nun eldonis novan broŝuron sub la titolo „Klereco por hodiaŭ kaj morgaŭ", kiu prezentas en tre vigla maniero la popolklerigan sistemon de GDR, kiu ja estas mondkonata.

**Leningrad-vojaĝo nur 1972**

Pro la bedaŭrinda fakto, ke ne plu eblis certigi vojaĝon al Leningrado en la somero 1971, multaj anoncintoj retiris sian mendon kaj ne povas partopreni la vojaĝon por oktobro ĉijare. Ĉar tiel ekstra trajno ne havas sencon, la distrikta laborrondo Dresden decidis prepari, nun ekipitaj kun la necesaj spertoj, la ekstran vojaĝon por Julio 1972. Jam nun preparante la vojaĝon, ĝi certe okazos kaj sukcesos.

**Interlingvistikoj esploroj**

Aktuale tri sciencaj institucioj de eŭropo okupiĝas serioze kaj kontinue pri interlingvistiko. Esploroj kaj prelegoj estas farataj en:
1. La Interlingvistika Sekcio de la *Akademio de Soveta Unio* sub la gvido de profesoro dro *E. Bokarev*, Moskvo. Profesoro Bokarev ankaŭ verkas libron pri la temo „Fundamentoj de interlingvistiko".
2. En la *universitato de Samarkand* prelegas ĉijare pri interlingvistiko profesoro *Duliĉenko*.
3. En la *universitato de Budapesto* ekzistas katedro por interlingvistiko kaj esperantologio sub gvido de profesoro dro *Istvan Serdahelyi*, kiu ankaŭ edukas diplom-instruistojn por la internacia lingvo.
Laŭ nia scio ekzistas en multaj aliaj universitatoj de la mondo lektoratoj por esperanto, sed sen konsiderinda esplorprogramo. La konstanta kresko de publikaĵoj pri interlingvistiko montras, ke pli kaj pli da sciencistoj vidas la neceson okupiĝi pri tiu prognoze interesa scienco.

**Nova Distrikta Laborrondo Esperanto en GDR**

Jam kelkajn monatojn funkcias ankaŭ en la distrikto Erfurt Laborrondo Esperanto. La prezidanto estas *Werner Habicht, 5812 Waltershausen/Gotha, Lessingstr. 9.*

**Internacia turisma renkontiĝo**

okazas denove de 15.–25. de Julio 1971 en Szeged. Partoprenos krom alilingvuloj ankaŭ esperantistoj. Informojn ĉe Emerik Szekely, Szeged, Szivarvanystr. 29, Hungario

**Esperanto-Zeltlager in der Sowjetunion**

La XII-a BET ĉijare okazos de la 6a–15a de aŭgusto 1971 en Agrokultura Teknikumo de Smiltene-urbeto en pitoreska loko de norda Latvio.
Por partoprenantoj kun proraj tendoj la kotizo estas rubloj 3,–, haveblaj ankaŭ estas limigita nombro da ĉambroj. Manĝado en teknikuma manĝejo kostos proksimume rubloj 1,40 po tage.
XII-an BET rajtas partopreni ĉiu, kiu parolas esperante. Estas antaŭvidata fotokonkurso kun la temo „Esperanto – ligilo de la amikeco". Kontribuaĵojn laŭ la mezuro 16×24 bonvolu sendi ĝis la 1-a de junio 1971.
En la kadro de la tendaro okazos: Somera Universitato, amatoraj koncertoj, ekskursoj, propaganda vespero kaj aliaj programeroj. Skribu al s-inon S. Lomp, Linnase 2–5, 202 900 Viljandi, Estonio USSR.

# INFORMOJ

**Skolta Vaga Esperanto-Tendaro**

por junularo 15–18 jara de 25. 7. – 15. 8. 1971 en Pollando. Programo: vagade laŭ la trako: Toruń, Golub-Dobrzyá, Brodnica, Perkoz, Olsztyn, Frombork, Elblag, Malborg, Kwidzyń, Chelmo, Toruń en Toruń, Perkoz, Frombork – 6 tagoj restado.
Korespondadreso: Komenda Chorgwi 56, Bydgoszcz, Dworcowa 56, Prezo: 1000 zl

**Tagoj en Kievo**

de 8. 8.–12. 8. 1971. Programo: vizitado de la urbo: Kievo nomata „patrino de rusaj urboj" estas konata pro historiaj, arkitekturaj kaj kulturaj monumentoj, pitoreskaj parkoj.
Korespondadreso: E-Klubo, Kiev 56, Politeknika Instituto, Prezo: 5 rb/sen nutrado.

**Ora pola aŭtuno**

Ĝi denove okazos de 17.–30. septembro 1971 en la pitoreska montara ripozloko Miedzygorze. Riĉa programo, kursoj, prezo 322 M por 2 semajnoj, ĉion inkluzivante. Informojn petu ĉe Pola Esperanto Asocio, Wroclaw-17, poŝtkesto 16, str. Dubois 3, Pollando.

**La VII-a Internacia Esperanto-Seminario**

de 21. 7.–25. 7. 1971 en Torun, Pollando. Temo: „Kontribuo de poloj al monda kulturo"

a) literaturo (A. Mickiewicz, P. Prus, A. Grabowski, J. Tuwim, K. Brandys ...)
b) muziko (F. Chopin, K. Szymanowski, K. Penderecki, I. Paderowski ...)
c) scienco (M. Kopernik, M. Curie-Sklodowska ...)
d) politiko (T. Kościusko, J. Bem, A. Rapacki ...)

**Studenta Renkontiĝo – Seminario pri UNESCO**

de 25. 7. – 29. 7. 1971 en Bydgoszcz, Pollando. Temo: „UNESCO kaj kulturaj, klerigaj kaj lingvaj problemoj de nuntempa mondo". „Kiel plivigligi la studentan Esperanto-movadon?". Organizantoj: Studenta Komisiono de TEJO (Studenta Asocio de Amikoj de UN) Studenta E-Rondo en Bydgoszcz. Programo:
– laboroj pri la seminariaj temoj
– ellaboro de raporto – rezolucio por la 27-a IJK
– amuzaj programeroj: koncerto, folklora vespero, balo, ekskurso (la ekskurso estas komuna por la seminarioj en Bydgoszcz kaj Toruń)

Korespondadreso: Studenta E-Rondo, Bydgoszcz, Koszarowa 9, DS 1
Prezo: 300 zl / 400 zl, kun ekskurso.

**La III-a kultura festivalo de Pola Esperanto-Junularo**

okazos 17. 7.–20. 7. 1971 en Bjalistok. Programo: interkona vespero, konkursoj, ekskurso al Bialowieza (nacia parko), surprizplena balo.
Korespondadreso: PEA, Filio en Bjalistoko, Traugutta 3, Prezo: 300 zl (escepto de la balo) al la konto: PKO Bialystok 12–9–632, Oddz. PZE.

**Esperanta ripozo inter amikoj**

en la mezo de monto Sredna Gora de la 27a de junio ĝis 31a de aŭgusto 1971, en 6 grupoj po entute 12 tagojn – 2 en Sofio kaj 10 en montaro. Riĉenhava programo.
Skribu al Balkanturist – Sofio, bulv. Dondukov, Bulgario.

# INFORMOJ

**Aranĝo de Hungara-Pola Amikeco**

13. 4.—25. 4. 71. La unua parto en **Pollando.** La dua parto en **Hungario.** Programo: prelegoj pri esperantologio kaj studentaj temoj, vizitadoj de vidindaĵoj, amuzvesperoj... Korespondadresoj: Studenta Esperanto-rondo, Budapeŝto — Hungario (Universitato). Studenta E-Rondo, Bydgoszcz — Pollando, Koszarowa 9, DS 1. Prezo: por la tuta aranĝo 1000 zl aŭ 900 forintojn.

**Internacia literatura seminaro**

okazas dum majo en Karlovo. Temo: Verkado de I. Vazov kaj C. Botev kaj ideologio de V. Levski. Organizanto: Bulgara Esperanto-Junularo. Korespondadreso: Boĵidar Leonov, Car Asen 7, Karlovo, Bulgario.

**Ferio sur la montaro Šumava**

La Esperanto-rondeto „La Ponto" en Pisek (Ĉeĥoslowakio) organizas de la 14-a ĝis la 29-a de aŭgusto 1971 esperantistan ferion en la sindikata kabano Zadov sur la montaro Šumava. La loĝprezo por ĉiu nokto estas 4 ĉke. (proks. 4 st.). Oni povas laŭplaĉe manĝi en hotelo aŭ mem kuiri en la kabana kuirejo. Pro la tre limigita nombro da lokoj, aliĝu tuj ĉe:
Esperantsky kroĉek „La Ponto", Klubo pracujicich ROH JITEX, Pisek, Ĉeĥoslowakio.

**Internacia renkontiĝo de amikeco**

De la 16-a ĝis 20-a de junio 1971 en Staré Mesto pod Snežnikem, en la montara parto de Moravio, apud la pola landlimo, okazos la V-a Internacia Turista Renkontiĝo de Amikoj el Ĉeĥoslovakio. Pollando kaj Germana Demokratia Respubliko. Esperantistoj el ĉiuj landoj estas bonvenaj. Imformoj: Českého Svazu Turistu, Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio.

**La III-a Internacia Esperanto Ferio por Mezlernejanoj**

17. 7. — 31. 7. en Toruń/Pollando. Programo: perfektiga kurso de E-lingvo, kiel agi en lernejaj E-rondoj, vizitado de la urbo Toruń, turistaj ekskursoj, distraj aranĝoj, estas ankaŭ antaŭvidata partopreno en la plej interesaj programeroj de la VII-a E-Seminario. Organizanto, Korespondadreso: Studenta Scienca E-Rondo, Toruń, Mickiewcza 6/10. Prezo: 700 zl al la konto: PKO Toruń, 24—9—224. Limdato por aliĝo: 15. 5. 1971.

**Perfektigaj Ferio-kursoj de Esperanto**

en Swornigacie, Pollando de 1. 7. — 14. 7. 1971. Programo: esperantologiaj prelegoj, konversaciaj ekzercadoj, seminariaj okupoj pri metodiko de la E-instruado, E-vesperoj kun kantoj, kajakaj vizitadoj de pitoreska lagaro, arbaraj piedekskursoj, naturĝuado, banado. Organizantoj: Studenta E-Rondo, Bydgoszcz, Studenta Scienca E-Rondo, Toruń. Korespondadreso: Bydgoszcz, Koszarowa (DS 1) Prezo: 800 zloty

**Somera Esperanto-Lernejo**

okazos de la 4a ĝis la 18a de julio 1971 en Banloko Dudince en sudokcidenta Slovakio. Skribu al Arneŝt Váňa, Dudince, okres Zvolen, ĈSSR.

**Somera Esperanto Universitato**

okazos jam la naŭan fojon en urbo Gyula-Hungario de la 4a ĝis la 10a de julio 1971. Skribu al Somera Esperanto-Universitato, Gyula, 48-as u. 11.

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

Anoj de Esperanto-grupo „aŭto“ dez. korespondi tutmonde kaj ricevi leterojn por letervesperoj. Skribu al E-o-grupo „aŭto“, **Sofio,** p.k. 1054

18-jara bulgarino dez. korespondi kun junuloj pri kulturo, vivmaniero, etnografio, interŝanĝas pentraĵojn pri naciaj kostumoj, kol. naciajn pupojn. bk, Iskra Georgieva, **Sofia 63,** str. „Car Samuil“, Nro 13

Dez. korespondi Violeta Veneva Momĉilova (19 jara), kv. Bajkuŝeva 239 - Lidija J. Hristova (20 jara) ul. Hr. Botev 10 - Jordanka Hr. Ĉakarova (16 jara) ul. Mogiliĉe 19 - Petar Rangelov Velev (22 jara) ul. Hr. Smirnenski 12/20 - Pavel Kirilov Pavlov, ul. Minjor 15 - Georgo Vasev (12 jara) ul. Alen mak 24. Ĉiuj en **Pernik**

Korespondi deziras kursanoj el **Vraca,** skribu al Enjo Daskalov, Tekstila Teknikumo, Vraca

## CSSR

Deziras korespondi membroj de Esperanto-rondeto ĉe Goethe-muzeo **Marianske Lazne,** CSSR

## Francio

Dez. korespondi kun GDR-esperantisto, Maurice Bordessoulle, á Fromessant, 62-**Etaples** / s. mer

## GDR

Ministo, 22 jara, dez. korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo. Dez. interŝanĝi pm kaj bk, kolektas mineralojn. Manfred Kirsch, **DDR-6506 Ronneburg,** August-Bebel-Straße 9

Komencantino, 17 jara, dez. korespondi, Beate Meyer, 8053 **Dresden,** Käthe-Kollwitz-Ufer 91

Studentino de pedagogio (17 jara) dez. korespondi tutmonde. Kerstlin Senftleben, **DDR-50 Erfurt,** Marktstraße 5

Instruisto de politekniko (dua direktoro), 40 jara, deziras korespondi pri pedagogiaj temoj, kol. bk, pm, Johannes Senftleben, **DDR-50 Erfurt,** Marktsraße 5

## Hungario

Dez. korespondi, interŝanĝas pm, pk, Fülöp Ferenc, **Budapest XIX,** Kerület Thököly -n 9 (kispest)

Komencanto dez. koresp. kun esperantistinoj, interesiĝas pri ekskursoj, filozofio, literaturo. kol. folklorajojn, mapojn, bk. J. Ferenc kaj Borza Zoltan, **Budapest XVI,** Arpadföld, Fürge u. 31

15-jaraj knabinoj deziras korespondi kun germanaj knaboj aŭ knabinoj, Maria Kali, Maria Toth, Margit Veha, Katalin Kiss, **Bekescsaba,** Szabadsag ter 10.

Adjunkto de Ekonomika Katedro de Agrikultura Faklernejo/breeda fako dez. korespondi kun fakuloj pri bredadoscienco kaj agrara ekonomio, Otto Kotsis, **Kaposvar Pf.** 16

## Japanio

Junulo japana dez. koresp. pri E-o-movado en GDR, pri socialismo, interŝanĝas pm, bk. librojn, esperantaĵojn. Akceptas volonte materialo por aŭtuna ekspozicio. Sawaya Yûiti Yukizirusi Ikuei-ryô, 811-4 Miyanomori, Kotoni, 63 **Sapporo**

## Pollando

Gejunuloj, 16—19 jaraj, dez. korespondi tutmonde, laŭ jena adreso: Junulara Palaco, Esperanto-Rondo (Palac Mlodziezy, **Szczecin**

## Rumanio

Juna studento dez. korespondi esperante kaj germane kun fraŭlinoj el GDR. interesiĝas pri fremdaj lingvoj, literaturo, muziko, kol. bk, pm. skribu al Elemer Kelemen, SF. **Gheorghe,** Str. Florilor Nr. 9, Jud. Covasna

## Soveta Unio

Instruisto de fremdlingvoj, dez. korespondi esperante, germane, kol. materialojn pri sistemo de konatiĝo kun profesioj (Berufsorientierung) en germanaj mezgradaj lernejoj, Andreo Rogov, v. **Ivankovci,** Ĥmekicka rajono kaj. obl.

Instruistino, deziras korespondi esperante, angle, france, germane, ruse, ukraine, Anja Vojnaroviĉ, **Ardejerka-3,** d. 9 kv. 37, Doneckaja obl., Ukrainio

200 gelernantinoj (9—18 jaraj) deziras korespondi en Esperanto, skribu al Anja Vojnaroviĉ, **Ardejerka-3, d. 9 kv. 37,** Doneckaja obl.

Gejunuloj, 15—18 jaraj, dez. korespondi, skribu al Odesa Palaco de Junpioniroj, Esperanto-rondeto, Primorskij bulvar I, **Odessa**

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp. Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 268